Jaro 11 Decembro 1958 N-ro 2



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo : Orteliusstraat 108.III Amsterdam, Nederlando

---

*Karaj amikoj, IFEF-anaro*
*sur kontinento kaj trans maro*
*Feliĉon en la nova jaro*
*deziras al vi la ĉefestraro*

*Restu ĉiam tre fidela*
*al la grupo interrela*
*Kaj vojaĝu kongrescela*
*al Aŭstrio ĉarma, bela*

Unu el la lasttipaj lokomotivoj de la Aŭstria Fervojo

# 11e Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso




LINZ/DONAU (Aŭstrio) 9—15 majo 1959

Adreso: Linz/D. Bahnhofstr. 3

Bankkonto: 75151, Arbeiterbank, Linz/D.

Christian Coulinstr. 32

**Informilo n-ro 2**



## KONGRESO PROGRAMO

(La LKK rezervas la rajton ŝanĝi la programon)

| | | |
|---|---|---|
| Sabato 9—5: | 8 h | Malfermo de la kongresejo. |
| | 14 h | Kunveno de IFEF-estraro kaj LKK. |
| | 15 h | Kunveno de IFEF-estraro kaj la landaj delegitoj. |
| | 20 h | Interfratiĝa vespero. |
| Dimanĉo 10—5: | 9 h | Malfermo solena de la kongreso. |
| | 15 h | Urba rondveturado, komuna fotografado poste libera vespero. |
| Lundo 11—5: | 9 h | Unua laborkunsido. |
| | 9.30 | Fabrikekskurso por virinoj. |
| | 14 h | Dua laborkunsido. |
| | 20 h | Kultura vespero. |
| Mardo 12—5: | 9 h | Kunveno redaktora komitato. |
| | 9.30 | Fabrikekskurso por virinoj. |
| | 10 h | Kunveno terminara komitato. |
| | 14 h | Tria laborkunsido. |
| | 20 h | Internacia balo. |
| Merkredo 13—5: | 8.30 | Ekskurso. |
| | 15 h | Fakprelegoj. |
| | 20 h | Filmvespero. |
| Ĵaŭdo 14—5: | ? h | Tuttaga ekskurso per ekstra trajno kun folklora vespero en Bad Ischl kaj solena fermo de la kongreso. Reveno al Linz proksimume je la 22a horo. |

---

Vendredo 15—5: Validas la postkongresa programo! Antaŭtagmeze ekveturo de LINZ per ekstra ŝipo sur la Danubo por la partoprenontoj al la postkongreso en WIEN.

ATENTU! Pluraj informoj sekvos en la venonta „Internacia Fervojisto". Vidu ankaŭ la aldonitan aliĝilon!
Bonvolu anonci vi kiel eble plej baldaŭ. Se vi faras tion antaŭ la 10-a de februaro, via kotizo estas 10 ŝ. malpli!
Pri valoro de la devizoj vidu la oficialajn kursojn. La L.K.K.

## POSTKONGRESO EN VIENO

**Informilo n-ro 1**

Dato: 15—16 de majo.
Adreso: „IFEF-NACHKONGRESS" Internacia Esperanto-Muzeo, WIEN I, Hofburg, Batthaanystiege.
Bankkonto: Linz/D. Arbeiterbank Konto Nr 75252 (same kiel la kongreso mem, sed indiku: „Postkongreso").
Kotizo: Aŭstriaj ŝ. 300 por ĉiuj aranĝoj laŭ la sube skribita programo.
Loka postkongresa komitato:

Prezidanto: Kort. kons. Hugo Steiner;
Vic-prezidanto: Josef Zink;
Kasisto: Josef Hawla;
Sekretario: Inĝ. Walter Huber;
Asesoroj: Inĝ. Erich Eichinger kaj inĝ. Wilhelm Hermann.

Limdato de la anonco: 15-a de marto 1959. Bonvolu kiel eble plej baldaŭ anonci vin. Ĉar la postkongreso okazos dum pentekosto kaj samtempe estos aliaj aranĝoj, ni devas mendi la ĉambrojn sufiĉe frue. Pro la loĝmalfacilaĵoj ni nur povas garantii loĝeblecojn por proksimume 300 partoprenontoj.
Privataj tranoktoj: Tiuj, kiuj loĝos private ĉe amikoj, do ne bezonos tranoktejon, pagos aŭ ŝ. 180 (anstataŭ ŝ. 300) por la normala, aŭ ŝ. 240 (anstataŭ ŝ. 400) por la daŭrigata postkongreso.

**Provizora programo:**

15-a de majo (vendrede):
Ekveturo per ŝipo de Linz (detala horo sekvos).
Por la tagmanĝo bonega manĝpakaĵo. Belega ŝipveturado laŭ la rivero Danubo tra la fama regiono Wachau (elp. Vaĥaŭ), floras dum tiu tempo la abrikotaj arboj. Proks. je la 19.30a horo alveno en Vieno, amika akcepto ĉe la ŝipstacio. Komuna vespermanĝo, poste veturado al la diversaj noktigejoj.

16-a de majo (sabate):

Per aŭtubuso rondveturado tra Vieno-kastelo, Belvedere-kastelo, Schönbrunn (vizito al la imperiestraj ĉambroj, parko, Gloriette, bela puto, Roma ruino ktp.), komuna tagmanĝo.
Aŭtobuso de Schönbrunn al la urbo kaj poste al Kahlenberg sur la fama „Höhenstrasse", restado 1 horon por ĝui la belegan perspektivon al Wien. Veturado al Wien trans Danubo al Langenzersdorf, kie ĉe bona vespermanĝo, ĝuado de bona vino ĉe „Heuriger" (elverŝejo de lastjara vino). 22a horo reveturo per la samaj aŭtobusoj al Vieno.

17-a de majo (dimanĉe):

Sankta meso, vizito al Internacia Esperanto-Muzeo. Poste vizito al „imperiestraj ĉambroj" kaj eklezia kaj laika trezorejoj en Hofbrug. Komuna tagmanĝo, gvidado tra la antikva Wien kaj tro Hofburg.
Komuna vespermanĝo; la cetera vespero estas libera.

18-a de majo (lunde): Matene fino de la postkongreso.

ATENTU! La kotizo de ŝ. 300 estas per ĉiuj priskribitaj aranĝoj, manĝoj kaj tranoktoj ekde la forveturo per ŝipo de Linz, ĝis la tranoktado de dimanĉo al lundo. La lunda matenmanĝo ne plu estas en la kotizo.
Se estas sufiĉe da interesuloj por ekskurso al Semmerling, la postkongreso estos daŭrigata per jenaj aranĝoj:

18-a de majo (lunde):

Veturado fervoje al Semmerling, 1000 m alta; bonega tagmanĝpakaĵo, kiun oni povas ĝui en tiea restoracio ĉe biero, vino ktp.
Post 4-hora travagado reveturo al Wiener Neustadt, kie ni inaŭguros marmortabulon sur naturŝtono kun la surskribo: Esperanto-Park.
Poste gvidado tra la antikva urbeto kaj kunveno ĉe amika vespero kun la tieaj esperantistoj.
Komuna vespermanĝo kaj reveturo fervoje al Wien.
La partoprenontoj de tiu ekskurso devas

a) pagi kroman kotizon de ŝ. 100, kiu enhavas ĉiujn aranĝojn de la matenmanĝo lunde ĝis la matenmanĝo marde, escepte la fervojbileto;
b) mendi la liberbileton por si kaj la rabatitan bileton por la familianoj ne ĝis Linz, sed trans Linz kaj Wien ĝis Semmering.

La duona bileto de Wien al Semmering kaj reen kostas proksimume ŝ. 30.
**Liberbiletoj:** Por la partoprenontoj de la normala postkongreso la tienveturado finas en Linz, kaj la reveturado komencas en Vieno. Por tiuj, kiuj partoprenos la ekskurson al Semmering, vidu supre.
**Ŝipveturado:** Eksterlandaj aktivaj fervojistoj el kelkaj landoj ĝuas sur danuba ŝipo rabaton de 50 %. Eble ni atingos tiun ĝuon ankaŭ por familianoj.
Ĉiu partoprenonto de la postkongreso bonvolu mendi krom la fervojbileton, ankaŭ aparte tiun rabaton sur la ŝipo ĉe „Erste Donaudampfschiffahrtsgesellschaft, Wien III" kaj doni la rabatilon al LKK en Linz.
Kiu ne havas rabatilon devas pagi ŝ. 25 pli, do ŝ. 325 por la postkongreso.

Steiner p.m.



## EL LA SEKRETARIEJO:

El Mocambique ni ricevis la jenan peton:
S-ro M/rio Raposo, Av. Augusto de Castilho 87, Lourenco Marques- Mocambique, Afrika Oriental, deziras okazigi Esperanto-ekspozicion en januaro 1959 en Fervojista Klubo de la urbo Lourenco Marques, kie la fervojistoj estas multnombraj.
Por sukcesigi tiun ekspozicion li petas la kunlaboron de niaj membroj per alsendo de esperantaj prospektoj, gazetoj, eĉ malnovaj pri fervojaĵoj el diversaj landoj. Sendu do abunde materialon por tiu ekspozicio al ĉisupra adreso por montri al la tieaj gekolegoj la uzon de Esperanto ĉe la fervojoj.
Helpu do aktive pligrandigi nian Internacian Federacion!

## AL LA DIVERSLANDAJ REDAKCIOJ:

La diverslandaj Redakcioj, kiuj tiom bonvole interŝanĝas kun IFEF la organon, estas afable petataj en 1959 sendi la organojn rekte al nia redaktoro, H. Hoen, Von Liebigweg 7 I, Amsterdam (O), Nederlando.

## AL LA LANDAJ ESTRAROJ KAJ IZOLAJ MEMBROJ:

Plendojn pri la ricevo de tro malmulte da Bultenoj oni rekte sendu al nia redaktoro. Ankaŭ pri nericevo de nia organo oni turnu sin al la redaktoro. Por ŝpari afrankkostojn oni ankaŭ povos sendi la por la redaktoro destinitajn informojn en letero al la sekretario sed sur aparta folio.
Ankaŭ kongresproponojn oni ensendu sur aparta folio al la sekretario, same kiel aliĝoj de novaj membroj kaj eksiĝoj. Pritraktante diversajn temojn en letero oni lasu inter la temoj iom da spaco.

La estraro.

## INTERNACIA KORESPONDSERVO

Ankoraŭ nur kelkaj membroj skribis al I.K.S. por korespondi kun eksterlandanoj. Tiu nombro tamen estas tro malgranda por povi trovi por ĉiuj konvenan korespondanton.
Skribu do multnombre al I.K.S. laŭ la reguloj, menciitaj en la oktobra numero de „La Internacia Fervojisto".
Kelkaj petantoj ne aldonis respondkuponon, kaj ĉar I.K.S. ne disponas pri propra kaso, mi do ne povas respondi al ili.
La gvidanto: W. Biesheuvel, Ceramplein 58 hs, Amsterdam O, Nederlando.



## LINGVO KAJ TEOLOGIO

Ni legis kaj tradukis por vi el la nederlando ĵurnalo „De Tijd":
„Kian lingvon ni parolos post la reviviĝo? Mi ne scias ĉu la teologoj samopinias pri la demando, ĉu la homaro ankoraŭ bezonas la parolatan lingvon post la reviviĝo. Ĉu la reviviĝintoj bezonas nek lingvon, nek langon, pro tio ke ili rigardas unu la alies pensojn el pli alta lumo? La ekzemplo de Jezuo, kiu post la reviviĝo ankoraŭ parolis kaj rilatis kun la lernantoj je simpla homa maniero, ŝajne kontraŭas tion.

Kiel ja estas, se ankoraŭ estos parolata home, stariĝas la demando: kiu lingvo havos la altan honoron funkcii kiel lingvo de la reviviĝintoj? Vole-nevole oni ĉi-kaze pensas pri mondlingvo kiel la angla.
Tamen al ĉiuj estu klare, ke neniu lingvo prezentas sin tiel malsankta, kiel ĝuste la angla.
Tia „cocktail-lingvo", kiu en sia prononcado malhavas ĉiun precizecon, kaj kiun oni opinias des pli nobla ju pli malkorekte oni ĝin elparolas, tute ne decus en postviva regiono.
La angla lingvo estas tute adaptita al peka popolo, kiu vivas sur la limo inter lumo kaj mallumo: popolo, kiu hontas prezenti sin klare kaj malkaŝe.
Jen ekzemplo: La tuta civilizita mondo uzas la sonplenan vorton „senatoro" kaj prononcas ĝin, kun malgrandaj esceptoj, je la sama sonplena maniero. Kion faras la angla lingvo? Ĝi malplenigas la vorton kvazaŭ difektita radringo, kaj faras el ĝi ion similan kiel „sènete" kun forta akcento sur la unua silabo. Io simila okazas kun la ĉie konata vorto „teatro", kio en la angla lingvo ŝrumpas je „thiëte" kun akcentforŝovo al la unua silabo. Kaj kia malespero formas la anglaj verboj! Kiu altlernejano ne senespere serĉis en sia vortaro la signifon de la plej-mult-uzataj anglaj verboj? Tiuj signifoj estas grandnombraj kaj iras de la unua ekstremo al la alia. La sama verbo povas sub diversaj cirkonstancoj same bone signifi: „fali" kaj „leviĝi", „naski" kaj „morti", „ricevi" kaj „kapti", „naski infanon" kaj „mortigi sian patron".
Ĝi estas denove la lingvo de la krepusko, la momento en kiu oni facile povas mistifiki iun.

La angla-saksa lingvo — tiel instruas nin la historio-libroj — post la konkero de la Normandoj kuŝis dum kelkaj jarcentoj en la krepusko de ĉeval- kaj brutarstaloj, kaj eble pro tio ĝi timas la klarecon.

La kontraŭon de la ĉi-supre menciita, ni trovas en la germana lingvo, kiu etsas pedanta pro precizeco kaj plensoneco. En germana vorto eĉ ne unu

liter-sono estu neglektata, eĉ ne se pro tio la konsonantoj kunpuŝiĝus kiel glacitavoloj.
Oni ne povas postuli de anĝelo — ni ja parolas pri homo post la reviviĝo — ke ĝi vorton kia „Fern-D-Zugzuschlagschein", kiun konduktoro kun naiva ĝuo prononcas, tuj perceptas laŭ la plena senco.
Krome la scienculoj tiom balastis la germanan lingvon per ideoj kaj frazkonstruoj, ke la spontanea ĝojo de la Di-infanoj suferus pro tio.
Genia germana scienculo rezonas proksimume jene:
1. Frazo estas la plej-eble longa kaj pensplena distanco inter du punktoj.
2. Adjektivo aŭ adverbo estas libere formataj el ero de la substantivo, kaj ĉiu substantivo posedas nenombreblajn kvantojn da eroj.
Tial ekzemple la scienculo precipe la filosofo, eltordas senhezite el la substantivo „Begriff" la adjektivojn aŭ adverbojn „begrifflich", „begriffmässig", „begriffsweise", „begriffartig", „begriffhart", kaj ankoraŭ aliajn deformaĵojn, se li opinias tion necesa por ŝarĝi sian frazon.

Tria aksiomo povus esti: „skribu nacian esperanton".
Mi volonte citus al anĝelo en la ĉielo la jenan frazon el „Heidegger" por vidi kiel oni tie reagus: „Nur das Hörenkönnen in die Ferne zeitigt den Dasein als selbst das Erwachen der Antwort des Mitdasein, im Mitsein mit des es die Ichheit darangegeben kann, um sich als eigentliches Selbst zu gewinnen".
Se oni skribus kaj publikigus tian esperanton, la homaro prave senesperiĝus pri la nuna kultura nivelo.
Se Oswald Spengler povus legi tion ĉi, li ne bezonus pli da argumentoj por pruvi la „Untergang des Abendlandes".
Estas do ja tute klare, ke la germana lingvo en postmorta mondo estas neimagebla.
Restas la demando: kia lingvo estos parolata post la reviviĝo. Ĝi devos esti lingvo, kies esencon la peka homaro ne povas imagi.
Mi esperas, ke la leganto ne indigniĝas pro tiu frivola frazaro, kiu estas la enkonduka parolado de tre serioza kaj grava libro titolita: „Fragen der Theologie heute", verkita de dudeko da teologoj en Germanio kaj Svisio".

Ĝis tie ĉi ni citis la vortojn de la verkinto de la artikolo.
Ni povas konstati, ke la teologoj faras al si zorgojn pri tio ĉu la aferoj en la postmorta mondo estas bone organizitaj.
Pli bone estus, se ili farus la necesajn paŝojn por forigi la lingvan ĥaoson sur nia terglobo. La postmorta lingvo certe solviĝos per si mem. Aŭ ĉu la eminentuloj havas la sekretan intencon mem kompili la postmortan lingvon, por ke ili havu avantaĝon super la aliaj?
Estas nur supozo, sed en nia mondo nenio estas tro stranga.
Cetere estas ridinde opinii, ke en la ĉielo oni bezonas aldonbileton por rapidvagonaroj.



## NOVAĴO EL POLLANDO

Okaze de la jubilea datreveno de la Internacia Esperanta Fervojista Movado, kiu burĝonis antaŭ 50 jaroj, el iniciato de s-ano E. Nawrowski, en kontaktoj kun profesia sindikato kaj aliaj influhavaj personoj, okazis la 22-an de aprilo ĉijare ĉe D.O.K.P. — Direkcio de Distrikta Ŝtata Fervojo — en Gdansk organiza kunveno de la **unua** filio de Pola Fervoja Esperanta Federacio, kiu mem ekestis la 6-an de oktobro 1957.
Alparolis kaj salutis la kunvenintojn s-ano Nawrowski. Prezidis la kunvenon s-ro Zenon Lorek, ĉefo de Stabadministrejo por fervojistoj.
En sia salutparolo s-ano Nawrowski klarigis al la ĉeestantoj, ke la celo de la kunveno estas fondi la unuan distriktan postenon de esperantistoj-fervojistoj je teritorio de D.O.K.P. en Gdansk.
Prelegis pri Esperanto s-ano P. Dowejko substrekante, ke la lulilo de Esperanto estas Pollando, kaj ĝia kreinto Ludoviko Zamenhof estis Polo. „Ni devas honti,,' diris s-ano Dowejko, „ke eksterlandanoj superregas nin en studado de la internacia lingvo".
Pri la fervojista esperantista movado parolis s-ano Nawrowski. La prelego estis tre interesa, ĉar li manovris per la datoj kaj loknomoj en kiuj nia movado trapasadis diversajn vicojn inter 1908—1958.
Post liberaj konkludoj, pririgardo de bela ekspozicio kaj fiksigo de listo de kandidatoj, la estraron eniris jenaj personoj:

Prezidanto: Erazm Nawrowski, D.O.K.P. Gdansk.
Vicprezidanto: Piotr Dowejko, D.O.K.P. Gdansk.
Sekretariino: Ireno Wozniak, D.O.K.P. Gdansk.
Kasistino: Lidia Bogacz, D.O.K.P. Gdansk.

**Revizia Komisiono**

Prezidanto: Zenon Lorek, D.O.K.P. Gdansk.
Membro R.K.: A. Kacmarczyk, D.O.K.P. Gdansk.
Membro R.K.: Wlad. Sikora, D.O.K.P. Gdansk.

kun sidloko en D.O.K.P. Gdansk, ul. Dyrekcyjna 2/4, Polujo, telefono de prezidanto alvoka 35841 interna 314 kaj de vicprezidanto alvoka 31851.
Membroj kaj estraranoj decidis labori por Esperanto, kiu ne estas nur lingva afero, sed ankaŭ idea movado, ampleksanta la tutan terglobon. Honora Membro de esperantista fervojista movado estas Direktoro mgr. inĝ. Witold Gintyo kaj Honora Membro de la Fervoja Esp. Federacio, Distrikto en Gdansk Estro mgr. Zygmunt Duszynski.
Je la fino de la kunveno anoncis sin al senpaga kurso 42 personoj. Gvidos ĝin s-anoj Nawrowski kaj Dowejko.

Piotr Dowejko



## EL GAZETOJ KAJ SENDITAĴO



**Aŭstrio**

Dimanĉon la 27-an de julio okazis la inaŭguro de la Zamenhof-monumento sur Börseplatz en la centro de Vieno. La iniciatinto, Kortega Konsilanto Hugo Steiner, salutis per kelkaj vortoj proksimume 300 partoprenantojn, kaj esprimis sinceran dankon al ĉiuj, kiuj kunlaboris por la efektivigo de lia plano.
La monumenta komitato, en kiu troviĝis ankaŭ samideano Tschom, la prezidanto de la Aŭstria Fervojista Unuiĝo, eldonis foton pri la monumento. La specialan stampon por ĝi desegnis nia ano Johann Burger. La Germana Federacia Fervojo sendis kolegon Giessner kiel ĝia reprezentanto.
Kiel „verda insulo" inter ĉiam rulantaj trafikiloj situas la „Esperanta Parko" en Wiener Neustadt. La parko estas inaŭgurita la 30-an de julio, okaze de la Ferio-semajno en Vieno.

**Britio**

En la Skota eldono de „British Railways" ni trovis bonegan artikolon pri nia kongreso en Aarhus. Ĉi tiun artikolon, kiu havas grandan propagandan valoron, verkis nia amiko Thos. Scott, prezidanto de la Fervojista Esp-klubo en Glasgow.

**Danio**

En ejo de nia deka kongreso s-ro Hugo Steiner havis intervjuon kun Prof. Blinkenberg de la aarhusa universitato. Montriĝis ke s-ro Blinkenberg, kiu en Montevideo tiom akre atakis Esperanton, iam estis Idisto kaj lernanto de Prof. Jespersen.
La rezultado de la intervjuo estis promeso de Prof. Blinkenberg al s-ro Steiner, ke li, venante al Vieno vizitos la Esperanto-Muzeon.

**Finlando**

Fervojista studrondo kun elementa kaj daŭriga kursoj startis en septembro sub gvidado de s-ro E. Stenholm en la fervojista studejo „Toimela" en la fervoja stacio Helsinki.
Okaze de la SAT-kongreso en Helsinki (julio '58) nia amiko Ruhanainen gvidis fakkunvenon de fervojistoj. Partoprenis ĝin 15 IFEF-anoj el 9 landoj. Kelkaj deziroj estis vaste diskutataj, kun la rezulto ke oni formulis kelkajn deziresprimojn por la venonta kongreso en Linz.
La kunveno komisiis al kolego Pelletier resumi la deziresprimojn, kaj sendi ilin pere de la landa unuiĝo al IFEF.
Ni esperas ke tiuj deziroj aŭ proponoj atingos la IFEF-sekretarion sufiĉe frue (antaŭ la 1-a de januaro).

**Hungario**

En siaj laŭdaj vortoj al „Hungara Fervojista Mondo" ni legas en „El Popola Ĉinio": „Ĝi estas nova sukceso ankaŭ por la ĝenerala Esp-movado, kies progresadon en nuna tempo ja impulsas ĉefe, la fakaj uzadoj de la lingvo".
Ricevinte la duan kajeron de H.F.M. ni plene substrekas tiun juĝon. Ĝojegas nin speciale la vortoj de Simono Csora, kiu skribas: „La centro sen financa kontribuo ne povas labori. Ni komunikis nian deziron pri aliĝo al IFEF al la Hungara Esperanta Konsilantaro, kiu estas la ŝtate rajtigita gvidanto de

la Hungara Esperanto-movado. Ni esperas ke ni povos venki baldaŭ la malfacilaĵojn, por ke ni povu deklari nian oficialan aliĝon al IFEF.

**Jugoslavio**

Ankaŭ niaj amikoj en Jugoslavio brave daŭrigas sian valorplenan laboron per la aperigo de la bonege redaktata „Jugoslavia Fervojisto".
En numero 5 ni legis ke en 400 punktoj de Sovetio funkcias kursoj kaj grupoj, kaj ke 95000 ekzempleroj de la broŝuro-lernolibro estis rapide disvenditaj tra la tuta lando. Ni do esperas ke baldaŭ la unuaj fervojistaj grupoj en Sovetio trovos la vojon al IFEF.

**Nederlando**

En la kampadcentro „Leemkule", samtempe kun la jam konata Ferio-semajno, okazis la kongreso de FERN, kiun ĉeestis kolegoj el Germanio, Francio, Aŭstrio kaj Svedio.
En sia malferma parolado prezidanto Labordus memorigis la starigon de novaj fervojista grupoj en Polio, Hungario kaj Jugoslavio.
La kongreso decidis sendi petskribon al la Fervoja Administracio ke ĝi donu subvencion al konduktoroj posedantaj Esperanto-diplomon.

**Svisio**

Nia amiko Emil Amman bonvole sendis al ni kelkajn projektojn por la nova kapo de nia „Bulteno". Bedaŭrinde ni jam decidis pri la nova kapo, kaj kun danko al kolego Amman ni volonte konservos liajn projektojn ĝis la tempo kiam ni bezonos ilin.
La Svisa Asocio de Esperanto-fervojistoj petis al ni komuniki, ke la landaj Asocioj ekde nun sendu ĉiujn korespondaĵojn al la prezidanto de SAEF, s-ro Kurt Greutert, Via Lugano, GUIBIASCO (Ti), Svislando.



## INTERNACIA FERIOSEMAJNO SUR HERZBERG

Kormonto . . . Svislando

Por fervojistoj kaj ties familianoj de la 15a ĝis la 20a de junio organizas Hunkeler Hans, trajnĉefo Girixweg 31, Aaraŭ (Svislando) Patronecas Svisa Asocio de Esp-fervojistoj.

El la programo: La 15an posttagmeze kolektiĝo en Aaraŭ en hotelo Helvetia, forveturo je la 18a horo al Herzberg.
De la 16a ĝis la 19a belegaj ekskrusoj kaj vizitadoj al la famegaj vitropentraĵoj en Königsfelden; amfiteatro Vindonissa; kastelo Habsburg (hejmloko de la Habsburga Dinastio); kastelo Wildegg; Svisa Radioelsendilo; boatveturo sur lago Hallwil; la antikva urbo Aaraŭ; geologia ekskurso; migradoj al belegaj elvidrokoj Juraaj kaj kunvenoj por la hobianoj, kiel fotografantoj, filatelistoj, pentrantoj kaj Esperantistoj.

La 20an Finsemajna ekskurso (nedeviga) trans Lucerno, Brünig, Interlaken, Heimwehfluh, boatveturado sur la lago de Thun.
**Aliĝfino:** 31a de majo 1959. Maksimuma nombro da partoprenantoj 65 personoj.
**Prezo:** Por la pensiono kaj la ekskursoj FrS. 75, plus FrS. 5 resp. 15 por la finsemajna ekskurso por la aktivaj fervojistoj resp. ties familianoj.
Petu detalan programon de la organizanto!

## S.J. PREZENTAS NOVAN TIPON DE PASAĜERVAGONO.

Antaŭ nelonge la ĝenerala adminstranto de la Svedaj Ŝtataj Fervojoj (S.J.) inspektis en la centra stacio de Stockholmo la unuan ekzempleron de tute nova tipo de kombinita pasaĝer- kaj pakaĵvagono.
Duona parto de la vagono donas lokon por pakaĵstivejo kun kupeo por trajnistaro. La pakaĵejo estas ekipita per i.a. ok stabloj por alpendigo de etpezaj motorbicikloj. La alia duono de la vagono estas moderna duaklasa pasaĝerkupearo dispartigita en kvar kupeoj kun sidlokoj por ok personoj en ĉiu.
Simile al la lasttempe havigitaj litvagonoj, tiu vagono estas la unua svede konstruita sidvagono, kiu havas ŝtalĉasion kun anguloj de ĝi ambaŭflanke iom rondigitaj, dikan sonizolitan plankon kaj trenilaranĝon sen iu interliga kuplostango. Oni faris la vagonon iom pli larĝa, tiel la kupeoj plispaciĝis. La fenestroj, konstruitaj pli larĝaj, estas lokitaj kun siaj sojloj iom pli malalte. Pere de tio oni atingis tiel ke pli da taglumo falas en la kupeojn kiel ankaŭ ke oni pli bonan elrigardon ricevas ternivelen. Por ripozo de la nuko kaj de la vango la sidsofoj estas provizitaj per apartaj apogiloj, tegitaj per mola plasta teksaĵo, facile lavebla. Supre de la sidlokoj estas lokitaj leglampoj, kun lumo direktita.
Tiu nova ekipaĵo fariĝos normo por ĉiuj duaklasaj sidvagonoj, konstruotaj de S.J. Ogren.

## ELEKTRAJ LOKOMOTIVOJ SUR MONTAR-LINIOJ

La fervojistoj en la regoiono de la fervojdirekcio Kosice finis nun provveturojn per elektraj lokomotivoj sur la fervojlinio Liptovsky Mikulás,— Ŝtrba. Tiun ĉi liniparton traveturis jam var-, omnibus- kaj rapidegtrajnoj, trenitaj per elektraj lokomotivoj.
Unu elektra lokomotivo veturigis pasaĝertrajnon el Liptovsky Mikulás ĝis Ŝtrba en nur 38 minutoj, dum vaporlokomotivo postulis tempon da 52 minutoj (liniparto kun kruda deklivo).
Rapidegtrajno mallongigos la veturtempon sur ĉi tiu liniparto je 20 minutoj. Interesajn rezultatojn oni atingis dum provoj ĉe vartrajnoj. La 18an de majo unu elektra lokomotivo veturigis vartrajnon da 1236 tunoj senhalte dum 56 minutoj. Tian ŝarĝon kapablis veturigi ĝis nun sole du plej laborkapablaj vaporlokomotivoj.
La 19an de majo la fervojistoj montris surprizigan rezultaton, transportinte per du elektraj lokomotivoj el Liptovsky Mikulás al Ŝtrba grandŝarĝan vartrajnon da 1723 tunoj. Tiu ĉi trajno alveturis al Ŝtrba post 61 minutoj. En la plej malfavora liniparto oni intence dufoje haltigis ĝin, tamen la elektraj lokomotivoj ekveturigis ĝin relative facile, eĉ sur tiu ĉi malkonvena deklivo. De post junio komenciĝos normala trafiko per elektraj lokomotivoj sur liniparto Liptovsky Mikulás—Ŝtrba (39 km). Dum la pluraj juniaj tagoj ilia veturado etendiĝos sinsekve ĝis Poprad (57 km).
(Artikolo en Rudé právo, Tradukis - eto)

## ĈEĤOSLOVAKAJ DIESEL-ELEKTRAJ LOKOMOTIVOJ

Novaj Diesel-elektraj lokomotivoj, pretigitaj en la uzinoj „Ĉeskomoravská Kolben-Danek, Sokolovo kaj Stalingrad" veturas jam kelkajn monatojn sur la etspura fervojlinio Jindrichuv Hradec—Obratan.
Ili montras sin tre konvenaj sur tiu ĉi linio, kiu entenas sufiĉe grandajn deklivojn kaj multajn kurbojn.
La novaj Diesel-elektraj lokomotivoj havas sur ĉiu akso pelmotoron kaj ili atingas veturrapidon de 60 kmh. Ilia ekspluato estas konsiderinde pli ekonomia ol tiu de la ĝisnunaj vaporlokomitivoj.
La bonkvalito de 12-cilindra naftmotoro kaj la konvena kaj belaspekta aranĝo de tiuj lokomotivoj garantias ke ili sukcesos venki eĉ eksterlandan konkuron.
(Artikolo en Rudé právo. Tradukis - eto)



## HELIKOPTERO KAJ FERVOJO — KOMUNAJ TRANSPORTILOJ?

Dum la lasta tempo oni legis ofte artikolojn pri komuna trafiko de fervojo kaj helikoptero. Laŭ tiu projekto estus konstruataj sur kelkaj grandaj stacidomoj en Germanio flughavenoj, kie — komune kun aliĝtrajnoj — okazos helikoptera trafiko. Tiu komence tre fantazia projekto ŝajnis montri tute novajn trafikeblecojn, kiujn la Germana Federacia Fervojo ne volis malagnoski. Ĝi intencis studi profunde la projekton helpe de specialistoj de la aera trafiko. Evidente rezultis, ke ne la teknikaj malfacilaĵoj, sed ekonomiaj vidpunktoj decidis pri la ĉesigo de tia projekto.
Okaze de konferenco de la fervojaj prezidantoj en Frankfurto finis profesoro doktoro Lambert de la trafikscienca instituto ĉe la teknika universitato en Stuttgart sian grandampleksan prelegon per jenaj vortoj:
La helikoptero estas sekura, por la praktika uzado teknike sufiĉe matura, sed evoluebla aertrafikilo kun relative altaj propraj kostoj. Ĝia speciala kapableca ebligas — krom aparataj taskoj — kontentigi la porpasaĝerajn bezonojn en distanco de 100 ĝis 300 km. Imagebla estas ankaŭ uzebleco sur mallongaj linioj al grandaj flughavenoj aŭ kie forte koncentriĝas la surtera trafiko. Ĉie povas temi nur pri altkvalita trafiko tiel forte frekventata, ke bona ekspluato povas esti garantiata. La strukturo de la pasaĝertrafiko en la Germana Federacia Respubliko prezentas por tiuj kondiĉoj ekzistobazon, se ankaŭ nur tre mallarĝan. La helikoptero trovos limigitan laborkampon, kiu respondecos al sia karaktero kaj en kiu ĝi bone povos kunhelpi. Sed esenca anstataŭo de la ekzistantaj trafikiloj per la helikoptero ne povos esti atendata.

W. Barnickel





**ELDONITAJ GVIDLIBRETOJ:**

En Sarlando (Germanujo) estas eldonita gvidfolio pri la urbo Saarbrücken kun aldonita traduko en Esperanto. La gvidfolio estas riĉe ilustrita per belegaj fotoj kaj estas senpage ricevebla laŭ jena adreso: S-ro Jakob Schenkel, (18) NEU-ASCHBACH, Post Klarenthal/Saar, Am Ziegelhof 30, (Germanujo).
Okaze de la 29a Nacia Kongreso de Esperanto en Italujo, la Esperanto-grupo en Palermo eldonis gvidlibreton en Esperanto. Fotoj montras la plej belajn vidindaĵojn en tiu urbo.
En Hungario estas eldonita gvidlibreto pri la urbo „Miskolc". La gvidlibreto estas plena da belegaj fotoj, montrantaj la belecon de tiu hungara urbo. La adreso por informoj estas: Departamenta Fremdultrafika Oficej, Széchenyi u. 40, Miskolc, Hungario.
De la 1—8 aŭgusto 1959 okazos en Varsovio (Pollando) la 44a Universala kongreso de Esperanto. Okaze de tio aperis la Unua Oficiala Bulteno ilustrita. La poŝtadreso estas: 44a Universala Kongreso de Esperanto, Varsovio, Pollando.

NI LEGAS: en „Verda Vojo", la organo de la fervojista klubo en Miskolc, la jenon: **Alvoko al la eksterlandaj fervojistoj!**
Ni petas ĉiujn eksterlandajn fervojistojn, bonvolu sciigi al ni, kiam okazos en ilia lando la fervojista tago, plue la adreson de la kompetenta Fervoja Direkcio kaj Fervojista Sindikato, por ke ni povu ĝustatempe kaj al ĝusta adreso sendi salutkartojn aŭ -leterojn por plifirmigi la amikecon inter ĉiuj popoloj kaj precipe inter la fervojista kolegaro.
En nia lando, Hungario, okazos la Fervojista Tago la 10an de aŭgusto. Ni petas ĉiujn eksterlandajn gekolegojn kaj gesamideanojn tiuokaze sendi salutkarton aŭ leteron al la subaj adresoj, eble unu el ambaŭ, per kio ili bone helpus la Esperanto-movadon disvastigi inter la fervojista kolegaro en nia urbo, Miskolc.
Adresoj: Máv Járómüjavító U.V. Miskolc, Hungario, de la Fervojista Sindikato: Vasutas Szakszervezet Területi Bizottsága. Miskolc, Kossuth u 11, Hungario.

NI REPONDAS kaj PETAS: En Nederlando ne estas tia tago de la Fervojistoj sed volonte ni ricevus similajn petojn sufiĉe frue. „Verda Vojo" alvenis en nia sekretariejo la 20an de aŭgusto, sekve dek tagojn post la jam okazinta Fervojista tago en Hungario. La sekretario.



Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam O, Nederlando